51a Jaro — N-ro 4 — Julio Aŭgusto 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-






## La 44a universala kongreso en Varsovio

**Pli ol 3.200 aliĝintoj !**

Kiam estis decidata la organizo de la 44a U.K. en Varsovio, multaj dubis ĉu ĝi iĝos efektive sukceso ; precipe laŭ nombra vidpunkto.

La vojaĝo al la fora Varsovio el diversaj landoj, kiuj ĝenerale alportas la plej grandan nombron de partoprenantoj, estis efektive tre longa kaj, aliflanke, la vojaĝpermesoj el la najbaraj landoj ne estis grandskale antaŭvidataj.

Kaj kontraŭ pesimismo kaj eĉ kontraŭ la plej eble granda optimismo, tiu ĉi kongreso estis ne nur same grava, sed multe pli grava ol ĉiuj antaŭaj de la lasta postmilita periodo . . . Kaj, eĉ se ni konsideras la tutan serion de la 44a U.K., ni konstatas ke, — esceptante Parizon kie la Kongreso en 1914 nè okazis, — la Varsovia Kongreso venas en tria loko.

Sed ne nur la nombra sukceso estas konsiderinda. Ni povas diri ke neniam antaŭe Universala Kongreso povis kalkuli je tiel malavara helpo kaj subteno de la oficialaj instancoj ; en tiu ĉi okazo de la pola registraro.

Ne nur ministroj ĉeestis la Malferman Kunsidon, ne nur ili grandioze akceptis la pli ol trimil ĉeestantojn, sed ili disponigis al la Kongreso, multe pli ol kiu ajn povis esperi kaj fakte ĉion, kion ĝi bezonis.

La Kongreso okazis en la plej granda kaj luksa palaco, kiun oni povas imagi al si ; kaj kiu permesis la kunigon de ĉiuj manifestacioj, inkluzive la teatrajn prezentadojn en unu sama granda ejo.

La ceremonioj en Varsovio kaj en Bialystok, kie murtabuloj estis inaŭgurataj kontraŭ la domoj, kie naskiĝis kaj vivis D-ro Zamenhof, kaj ĉe la muro de lernejo, kiu portos lian nomon, estis vere plej bone prizorgataj. Kaj por monumento Zamenhof, kies unua ŝtono estis masonata dum kongresa ceremonio, granda konkurso estis starigata inter artistoj, kiuj liveris maketojn, inter kiuj dek estis premiataj.

Speciala juĝantaro ankoraŭ decidos pri tiu ĉi monumento, sed jam nun, kun la unua ŝtono estas enmasonita dokumento per kiu la 44a U.K. konstatas la volon de la esperantistaro, ke monumento ornamu publikan placon de la naskiĝurbo de D-ro Zamenhof.

Ankaŭ laŭ labora vidpunkto, tiu ĉi Kongreso estis granda sukceso. Krom du ĝeneralaj kaj multnombre ĉeestataj kunsidoj de U.E.A., ties komitato kunvenis kvinfoje dum pluraj horoj por diskuti la diversajn problemojn, kiuj rilatas al la disvolvigo de nia movado.

Dume okazis dekoj kaj dekoj da fakaj kunsidoj, ĉeestataj de profesiuloj aŭ de hobby'emuloj.

Pri la vesperaj festoj, la kongresanoj havis ne nur la Internacian Balon, kiun antaŭiris intima festeno, sed ankaŭ diversajn teatrajn programojn, inter kiuj unue citinda estas la prezento de plej agrabla verko de Bernard Shaw " Pygmalion ", fare de ĉeĥa trupo " La Verda Ĉaro de Julio Baghy ".

## ALIĜU TUJ AL LA 45a U.K. BRUSELO 1960

La bela Varsovia Kongreso mortis sian belan morton.

Nun jam ni tre serioze devas pensi pri la sukcesigo de la 45a, kiu okazos, post deko da monatoj, en nia ĉefurbo.

La plej bona maniero sukcesigi ĝin estas, jam ekde nun, certigi ĝian laŭnombran sukceson.

En Varsovio aliĝis pli ol TRI MIL samideanoj . . . La belgaj esperantistoj montru, per TUJA aliĝo, sian propran fidon en la sukceso de SIA kongreso.

La membroj de la diversaj grupoj povas ensendi siajn aliĝpagojn al la poŝtĉeknumeroj de siaj respektivaj grupoj, kiujn ili trovas supre de la grupa rubriko en " Belga Kroniko ".

La aliaj pagu al nia kutima perantino por kongresoj : S-ino J. **PLYSON, rue Jourdan, 185, Bruselo : P.C. N° 2358.04.**

Ne prokrastu : Prenu vian ĝirlibreton kaj plenigu ĝirilon.

Ekde la 1-a de oktobro estos dissendata la KONGRESKARTO al tiuj, kiujn ni povas konsideri kiel la membrojn de nia HONORA KOLONO !

---

Laŭ elekto de la teatraĵo kaj precipe laŭ luda kaj reĝisora vidpunktoj, tiuj ĉi sindonaj artistoj prezentis plej belan spektaklon.

Ankaŭ la Internacia Arta Teatro, kies reĝisoro estas la cetere ankaŭ bonege ludanta Srdjan Flego, el Parizo, prezentis konatan teatraĵon de Molière : " La Friponaĵojn de Skapeno ".

Pro la bonega akustiko de la salono, ni tiun ĉi fojon bonege povis aŭdi la aktorojn, kontraŭe al tio kio okazis en Mainz. Sed ni ja vere bedaŭras ke la reĝisoro modernigis la teatraĵon kaj ludigis ĝin en modernaj vestaĵoj . . . Tio ja estas farebla por iaj teatraĵoj . . . Tiu ĉi teatraĵo de Molière fakte multe perdis de sia allogaĵo.

Krome estis ankoraŭ Bulgara Vespero eksterprograma, sed kiu rikoltis grandan sukceson, malgraŭ la longeco de la unua parolata parto.

Pri la Somera Universitato ni povas diri ke la prelegoj estis same altnivelaj kiel dum antaŭaj jaroj kaj ankaŭ ĝuis meritítan sukceson.

Dum la ferma kunsido, la prezidanto Prof. Canuto komunikis la novan konsiston de la estraro, post elektoj. Ĝi konsistas ekde nun el Prof. Canuto, prezidanto ; Prof. Yagi (Japanujo) kaj S-ro Holmes, vicprezidantoj ; Prof. Lapenna, ĝenerala sekretario ; S-roj Llech-Walter, D-ro Herrmann, Rajski kaj Smith, komitatanoj. Li aprobigis Rezolucion prezentitan de la Komitato kaj kiu enhavas alvokon al la registaroj por enkonduko laŭgrada de esperanto en la lernejojn.

Varmaj dankvortoj estis direktitaj al ĉiuj membroj individue de la L.K.K. kaj speciale al ties prezidanto S-ro Rajski, kiu siavice dankis ĉiujn siajn kunlaborintojn kaj tiam invitis S-ron Maurice Jaumotte akcepti la grandan kongresflagon, por ĝin kunporti al Bruselo, kie ĝi ornamos la fundon de la scenejo dum la oficialaj aranĝoj de la 45a Universala Kongreso.



## MALPLI DA LATINA KAJ PLI DA ĤINA LINGVO

Post Oksfordo, Kembriĝo ĵus decidis ke la latina lingvo povos esti anstataŭata per iu moderna lingvo por la enir-ekzameno al la Universitato. Ĉu la hindi-lingvo (intergenta lingvo de Hindujo), la ĥina lingvo, la araba lingvo kaj la afrikaj idiomoj estos klasigataj inter la lingvoj kies scio malfermos la pordojn de la supera instruado ?

Tiu demando estos ekzamenata de du dekduoj da ekspertoj, kiuj kunvenos en la lernejo por orientaj kaj afrikaj studoj (Universitato de Londono) sub la aŭspicio de la Atlantika Alianco.

Dum la pasinta aŭtuno, parlamentanoj de la O.T.A.N. diris ke la Okcidento devas pli vigle klopodi por kompreni la pli grandan parton de la monda enloĝantaro, kies kulturo estas bazita, nek sur la greka, nek sur la latina lingvoj. La nuna kunveno de ekspertoj provos fiksi programon tiucele.

Ŝajnas ke la orientalistoj mem konfesas ke, en ilia fako, la vivantaj lingvoj devas esti konsiderataj pli gravaj ol la mortintaj : la hindi-lingvo devas esti preferata al la sanskrito kaj la kuo ju (nacia lingvo de Ĥinujo) al la ĥina lingvo de la antologioj el la

---

Ambaŭ la L.K.K.-prezidantoj tiam enbrakiĝis kaj, post akcepto de la flago, S-ro Maur. Jaumotte, direktis varman alvokon al la ĉeestantaro.

S-ro Rakski kaj li, — li diris, — ĵus prezentis la estintecon kaj la estontecon. Sed tiun estontecon la kongresanoj mem devas forĝi. Kongreso estas la laboro de multego da homoj bonvolaj, kiuj ĉiujare sin preparas al granda vojaĝo, ne de turismo sed de idealismo.

Nunjare, vi venis al lando vasta, al urbo kiu multe suferis. Venontjare, vin akceptos lando malgranda kun ĉefurbo, kiu pro feliĉa hazardo malmulte suferis. Tie vin akceptos ne tiel granda palaco, sed vi renkontos Mannekenpis, tutapude, de la fieraj gildodomoj de la plej bela Granda Placo en la mondo.

Venonte al Belgujo, en viaj valizoj kunprenu ne nur vestaĵojn, sed ankaŭ grandan provizon da bonhumoro, tiel ke se en Bruselo estos, — kiel ĉie kaj ĉiam, — mankoj, vi povu esti indulgemaj kaj bonhumoraj por ke ankaŭ la 45a U.K. bone sukcesu.

Post tiu ĉi parolado, kiun ni resume donas kaj kiu estis longe aplaŭdata, Prof. Canuto nur aldonis la vortojn : " Vivu la 45a " . . . kaj ĉiuj forlasis la grandegan luksan salonon, kie okazis tiel belaj solenaĵoj, kaj la palacon, kie ĉiuj ĝuis plej grandiozan kongreson.

Ni aldonu ke, dum la malferma kunsido, S-ro M. Jaumotte kaj F-ino Terryn estis salutantaj la kongreson, nome de la registaro kaj de la belga esperantistaro. Kaj krome ankaŭ ke, en sia koverto, ĉiu kongresano estis trovinta plej belan, grandformatan kaj lukse ilustritan albumon pri la kongresa urbo Varsovio !

Ĉiumaniere, ĉiu konservos pri tiu ĉi 44a U.K. la plej belan memoron !

## Franclingva lernolibro de D-ro Pol Denoël

Ĵus aperis nova lernolibro franclingva, kunmetita kaj eldonita de D-ro Pol Denoël, la simpatia vicprezidanto de la Lieĝa Grupo, kiu jam de tiom da jaroj, sin dediĉas al nia movado kaj al la instruo de nia lingvo.

La libro havas kiel titolon : " Initiation théorique et pratique à la langue internationale Esperanto ".

Ĝi fakte estas iniciilo en tiu ĉi senco ke ĝi ne entenas multajn ekzercojn por plifaciligi la alprenon de la materialo de ĉiu leciono.

Sed tiu ĉi materialo mem estas plej komplete pritraktita kaj ĝi estas, — kaj tio tre certe alportos la grandan sukceson al tiu ĉi eldonaĵo —, plej originale kunmetita.

Ĝi prezentas la esperantan gramatikon kaj speciale tiujn punktojn en ĝi, kiuj povas ŝajni iom malfacilaj al tiuj, kiuj forlasis la lernejon jam de pluraj jaroj aŭ kiuj neniam fakte tre serioze studis iun gramatikon, laŭ plej digestebla maniero.

La libro estas cetere plej trafe ilustrita per bildoj kaj tabeloj tute simplaj, kiuj helpas kompreni la mekanismon mem de nia lingvo.

Ni estas certaj ke ĉiuj profesoroj, kiuj gvidas siajn elementajn kursojn franclingve, volos fari eksperimenton per tiu ĉi libro kaj ke ili akiros veran sukceson.

Ni do gratulas sincere D-ron Denoël pro lia iniciativo kaj ni same sincere esprimas la esperon, ke tiu ĉi lernolibro povu baldaŭ havi frateton en nederlanda-flandra lingvo.

---

Konfuzia periodo.

Post deko da jaroj, la hindi-lingvo kaj ne plu la angla estos la intergenta lingvo de Ĥindujo.

* * *

Tiu artikoleto denove iom malfortigas la pozicion de tiuj, kiuj obstine proklamas ke nur la angla, aŭ eĉ nur la latina lingvo, povas ludi rolon internacian.

Du faktoj iam pli evidentiĝas : unuflanke, la plej diversaj naciaj lingvoj pli kaj pli forpuŝas la tiel nomatajn kulturajn lingvojn, kiel estas la angla la franca, la hispana, la germana, k.t.p.

Aliflanke " artefarita " lingvo, kiel la hindi-lingvo, fariĝas la nacia lingvo de grandega popolaro.

Konstatinte la unuan fakton oni nur povas konkludi ke la lingva ĥaoso per la natura evoluado ĉiam pli kaj pli pligraviĝas ; ke racia solvo do pli kaj pli urĝiĝas.

Konstatinte la duan fakton, oni nur povas konkludi ke eksperimento, kiu brile sukcesas en Hindujo kun la hindi-lingvo, nepre ankaŭ sukcesos tutmonde kun Esperanto.

Ŝa Pu Pej.










## EX ORIENTE LUX : La Lumo venas el la oriento.

Noto : ĉi-suban tre interesan artikolon ni trovis en la bonega Nederlandlingva revuo " PLEIN ". (adreso : Bezuidenhout 17 Den Haag Nederlando) Kun la afabla permeso de la redakcio ni represas ĝin. Tradukis ĝin por nia revuo Marleen Bogaert, studentino.

Tra Hindujo marŝas tre maldika, 60 jara viro, vestita sole per koksotuko. Ĉie li kunvokas la homojn. Tiam li preĝas dum kelka tempo kaj poste li demandas al ĉiuj kiuj posedas teron por fordonaci parton de ĝi. Je granda miro de multaj, li ricevis ĝis nun jam pli ol du milionoj da hektaroj. Tiujn li donas al terkulturistoj kiuj nenion posedas. Lia idealo estas : ricevi unu sesonon de ĉiuj kulturterenoj en Hindujo. " La malriĉuloj devas esti konsiderataj kiel la sesa infano en la familio. Do, donu al ili la heredparton je kiu la sesa infano rajtas ". Tiu viro estas Acharya Vinoba Bhave. Kiu vidas lin kun la pinta griza barbo, dikaj okulvitroj, mizera aspekto, ne povas supozi ke tiu estas konsiderata kiel unu de la plej kleraj Hindoj ; kaj ke li devenas, kiel Nehru, el aristokrata Brahmana familio. Li studis sanskriton kaj teologion ; kaj iĝis disĉiplo de Gandhi. Post ties morto en 1948, li opiniis ke la tempo alvenis por publike agi ; kaj por daŭrigi la laboron de la Majstro. Li komencis fervore agadi por afero kiu frapas la atenton de ĉiu Hindo : pli bona dispartigo de la tero inter la milionoj da Parioj.

**Terreformadoj per libervolaj donacoj.**

La maljusta dispartigo de la kulturteroj estas unu de la plej gravaj kaŭzoj de la maltrankviliĝanta malriĉo kiu regas en la 700.000 vilaĝoj de Hindujo. 5 % de la terkulturistoj estas bienposedantoj : 12 % havas sufiĉan grundon ; kaj 43 % posedas ĝuste sufiĉe da tero por resti en vivo. Sed 40 % de la kamparanoj posedas absolute nenion. Pro tio, tiuj lastaj devas labori por aliaj aŭ nenion fari kaj morti pro malsato. Por solvi tiun plej urĝan problemon, Vinoba komencis sian " Budan " — movadon (mallongigo de " Bunidan-Jagna = servi Dion dispartigante la teron inter si). Li decidis demandi al riĉuloj kaj malriĉuloj ke ili donu 1/6 de siaj kampoj al tiuj kiuj nenion posedas. Dum iu tago en aprilo 1953, Vinoba kunvokis la loĝantojn de la vilaĝeto Telengana kaj parolis al ili. Li rakontis kiel li estis survoje al Puri, fama Hinda sanktejo. Sed li ne iris tien por en la templo preĝi al Dio. Li preferis renkonti Dion en templo kreita de Li mem, nome en la homo. " Dio certe estas tie, sed Li estas trovebla nur per amo kaj boneco. Dio estas antaŭ via pordo en la persono de la malriĉuloj kaj de la kamparanoj senkampaj. Li konvinkis kaj klarigis sian fantastan projekton. Unu de la ĉeestantoj timeme oferis 40 hektarojn. Tio estis la komenco de propramova terdispartiga movado, kiel la mondo neniam antaŭe vidis. De vilaĝo al vilaĝo tiu okazajo ripetiĝis : kaj ĉiam ankoraŭ Vinoba vagadas. Plej ofte la plej malriĉaj kamparanoj estas la unuaj kiuj fordonas iom. La bienposedantoj sekvas heziteme. Sed depost ke la movado disvastiĝis, ankaŭ ili ne plu morale kapablas fortiri sin de la alvoko.

La prezidanto de Hindujo, Rajenda Prasad, oferis de siaj privataj posedaĵoj tiom kiom Vinoba volas havi. Tiamaniere Vinoba kolektis du milionojn da hektaroj, kiujn li disdonis inter la nenionposedantoj.

**Apogo de la registaro.**

La Hinda registaro kiu ankaŭ depost jaroj estis okupita pri la problemo de la terreformado, atente sekvis la strebadon de Vinoba. Ministro-prezidanto Nehru, same kiel Vinoba disĉiplo de Gandhi, invitis lin por pridiskuti la problemon kun la ŝtatkomisio en Nov-Delhi. Vinoba sekvis tiun inviton je sia propra maniero : ne per aviadilo, kiun Nehru volis alsendi, sed piede li iris la 1.300 Km. Dum tiu vojaĝo li ankoraŭ ricevis 7.000 hektarojn. En Nov-Delhi li konferencis dum tagoj kun la aŭtoritatuloj. La terreformado de la registaro kondukis al senfinaj disputoj pri kompensadoj kaj multaj scias kiamaniere fuĝi tra la malfermaĵoj de la reto. Sed la alvoko al la konscienco, kiun disradias Bhave kaj liaj disĉiploj, en diversaj grupoj vagantaj tra la lando, evitas tiujn konfuzaĵojn, akceptante nur libervolan donacon. Tamen kelkaj specialistoj ne estas tre trankvilaj pri la praktika utilo de la " Budhan " movado. Ili timas ke iĝos tro granda la dispecetigo de la tero.

Estas ne certe ĉu Vinoba kapablas tiel juste disdoni la ricevitan teron kiel li sukcesis kompatigi la terposedantojn. Okcidentaj observantoj opinias ke Bhave faras tion ekstreme malpraktike. Tial estas eble bone ke lia movado en la lasta tempo eniris direkton iom alian, kiu el terekonomia vidpunkto estos verŝajne pli efika kaj kiu estas entuziasme subtenita de la regantaro.

**Donaco de la Komunumo.**

Ĝi komenciĝis en 1956. Vinoba kaj liaj disĉiploj vagadis tra la provinco Orissa por prediki la " Budhan "-movadon : kaj ili tiel forte impresis la popolon ke ne nur apartaj posedantoj, sed eĉ tutaj vilaĝoj funkciis sur koopera bazo.

Je la fino de 1957, pli ol du mil vilaĝoj en la provincoj Orissa, Madras kaj Bihar jam sekvis tiun ekzemplon. Tiel ekstaris granda, nova koopera movado en Hindujo.

La danĝero de dispecetigo de la tero estas nun forigita. Miloj da hektaroj da fruktodonaj teroj estas nuntempe plugataj kaj semataj de la vilaĝkomunumoj por la vilaĝkomunumoj. En Nov-Delhi oni dankplene profitis tiun okazaĵon kaj oni donis al la vilaĝo la statuton de publika korporacio : tiel ke ĉi-tiuj kooperadoj en la kadro de la kvinjarplano povas esti helpataj per brutaro, semaĵoj, artefarita sterko, iloj, pruntaĵoj kaj teknika helpo. Tio faras la aferon alloga ĉe aliaj vilaĝoj por aniĝi. Tiu nova evoluo en la strebado de Vinoba Bhave ricevis la nomon " Grandam " : tio signifas : dono de la komunumo.

**Ŝanĝiĝo de Mentaleco.**

Laŭ la koncepto de Vinoba, ĉio tio estas nur komenco. La tuta terreformado estas por li nur simbolo de la aliformigo de la mentaleco, kiun li volas efektivigi en Hindujo. " Estas mia intenco " li foje diris "okazigi trioblan revolucion. Unue mi volus ŝanĝi la koron de la homoj; due mi volus vidi ilin ŝanĝi sian konduton ; kaj trie mi deziras reformi la socian strukturon ". La ŝanĝiĝo de la homaj koroj efektiviĝas, kiel ĉiuj kiuj renkontis lin atestas, per lia nura ĉeesto. Pri tio liaj disĉiploj ofte parolis senpasie kun la Amerikana aŭtoro Christopher Rand, kiel ilia karaktero iom post iom pliboniĝis en la monatoj dum kiuj ili kune kun li vagadis. Ne la plej eble granda bonfarto por la plej eble granda parto de la homoj estas la strebado de Vinoba, ĉar tiamaniere restas ĉiam malprofitanta malplimulto. Prefere li strebas al la pli modestaj vivkondiĉoj kiuj valoras por ĉiuj senescepte. Estas ĉiam la subpremitaj malplimultoj kiuj revolucias kontraŭ la subpremo kaj kiuj perfortas. Ili devas esti prizorgataj, ne en unua instanco per gvidata planekonomio, sed per la amo de homo al homo. Tio tamen ne signifas ke Vinoba rifuzus kunlabori kun ekonomiistoj. Li volas kontakton kun ĉiu sincera homo.

**Religiaj Aspektoj.**

Ankaŭ en alia senco V.B. influas profunde en nuntempa Hindujo : kiel religia gvidanto. Li estas unu el la plej eminentaj aŭtoritatuloj de la Hinda religio kaj cetere bonega konanto pri Islamo kaj Kristanismo.

Same kiel Gandhi kaj Nehru li trapasis jarojn en la malliberejo, preĝante kaj studante. Dum tiu periodo li predikis al kunarestitoj pri unu de la sanktaj libroj de la Hindoj : la Bhagavad Gita. De tiuj predikoj jam 250.000 ekzempleroj estas venditaj. La Hinduismo estas penetrita de la ideo ke la homo nenion signifas, ke la " mi " devas esti neniigata, kaj ke la surtera vivo estas malfeliĉprovo, al kiu oni devas sin submeti pacience. Sed ĉiam Vinoba atentigas ke troviĝas en la Bhagavad Gita nenio kio neas la valoron de la homa persono ; kaj ke nur kiam oni tion en si mem realigas, oni kapablas plenumi siajn devojn je la komunumo. Lia nova klarigo estas nuntempe arde pridiskutata ; kaj kvankam ĝi kaŭzis multan kontraŭstaron, tamen multaj Hindoj emas opinii kiel li.

**" Ili ĉiuj timas ".**

Christopher Rand rakontas ke li petis V.B. por lasta interparolo post kelktaga kuna vagado. V.B. estis tre silentema. Rand demandis al li ĉu li opinias ke ankaŭ la okcidentanoj devus adopti liajn principojn de senperforto kaj de morala konvinko. V.B. silentis iom kaj poste demandis " Kio estas Okcidento kaj kio Oriento ?". Christopher respondis ke Eŭropo kaj Ameriko estas la Okcidento. " La okcidentanoj havas sian Biblion " li diris " Tiun-ĉi ili ne devus legi unu tagon kaj ĝin forgesi la ses aliajn tagojn ". Poste li aldonis per tre mallaŭta preskaŭ nekomprenebla voĉo : " Ili ĉiuj timas. Ni devus serĉi kaj trovi kial ili timas ".

**Koos de Valk.**

# BELGA KRONIKO

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

## EN LA " BELGA ŜTATGAZETO "

Por doni al la laboro de la L.K.K., antaŭvide al la 45a Universala Kongreso de Esperanto kiu okazos proksiman jaron en Bruselo, plej seriozan kaj samtempe laŭleĝan karakteron, la L.K.K.-anoj decidis starigi " Societon sen profita Celo ", kun fakte efemera vivo.

Sub la titolo : " Universala Kongreso de Esperanto ", la statutoj de tiu ĉi societo aperis, kun numero 3395, sur paĝo 1475 de la aldonoj al la " Belga Ŝtatgazeto " de la 30a de julio.

La laŭleĝa adreso estas ĉe la prezidanto de la L.K.K. kaj de la societo, S-ro Maur. Jaumotte, dum estas cititaj en la ĝenerala estraro, la du vic-prezidantoj de la L.K.K., S-roj G. Maertens kaj H. Sielens, la du sekretariojn, S-roj R. Jacobs kaj L. De Marré, kaj kompreneble ankaŭ la kasisto, S-ro J. Oleffe.

La nova societo tiel jam povis malfermi kontojn ĉe la Banko de Bruselo kaj ĉe la poŝtĉekkonto.

### ANVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
(Poŝtĉeknumero : 726.54)

La 29an de majo, en la serio « Tra la Mondo » la temo estis « Nederlando » kaj partoprenis al ĝi S-ro Lodema, F-inoj H. kaj M. Hofkens kaj S-roj R. Van Eynde kaj L. De Marré, dum fine estis aŭdigata la bendo de la Magnestofona Servo de UEA : « Pacaj Metodoj de interŝata kunvivado » de D-ro E. Privat.

La 5an de junio, sekvis parolata jurnalo kaj la 12an S-ro R. Van Eynde ankoraŭ montris multajn kolorigitajn dokumentajn sonfilmojn pri « Nederlando ».

La 12an, dum speciala solenaĵo, ok gelernintoj de kurso de S-ro L. De Marré ricevis sian diplomon, nome G-roj J. kaj M. Andries, S-ro A. Baten, S-ro F. Goris, F-ino M. Van Hoof, S-ro F. Van Oevelen kaj S-ino A. kaj F-ino L. Van Overbeke. Post la gratuloj kaj konsiloj de la prezidanto, F-ino Van Overbeke, per tre trafaj vortoj alportis la dankon de la gelernintoj kaj transdonis belan donacon al la profesoro, kiu respondis per dankesprimo kaj alvoko al kunlaboro. Teatra programo kompletigis la vesperon, al kiu jam partoprenis diversaj lernintoj: F-inoj M. Van Hool kaj L. Van Overbeke, kiuj deklamis, G-roj Andries kaj S-roj F. Van Oevelen kaj A. Bijvoets en skeĉoj, dum S-ino A. Van Overbeke flegis la kostumojn. Same kunlaboris pli malnovaj aktoroj F-ino Cl. Peeters kiu ankaŭ funkciis kiel paroladistino, S-ino Mar. De Marré kaj S-roj Fr. Schellekens kaj F. Aertssens; dum S-ro A. Van Dessel respondecis pri la lumaranĝoj kaj F-ino E. Van der Weken flegis la programojn kaj la tradukon de la skeĉoj.

La 26an, nova radiofona teatraĵo: « La Gladioloj » estis aŭdigata, al kiu kunlaboris F-inoj Cl. Peeters kaj E. Van der Weken, S-ino M. De Marré kaj S-roj P. Flament kaj Fr. Schellekens, dum S-ro J. Montmirail prizorgis la teknikan parton kaj S-ro J. Verstraeten reĝisoris. Konklude estis ankaŭ reaŭdigata la parolado de S-ro M. Jaumotte dum la Haarlema Kongreso.

La 3an de julio, okazis parolata ĵurnalo kaj la 10an, S-ro Roger Jaumotte gvidis kulturan distran vesperon, kiun li glate prezentis kaj al kiu ankaŭ S-ro Hendrickx alportis sian kunhelpon.





La 17an, S-ro L. De Marré faris tre detalan paroladon pri « Polujo », lando de la 44a, kiun li pristudis laŭ ĉiuj aspektoj.

La 24an, S-ro E. Paesmans gvidis promenadon tra malnova parto de la urbo, koniganta plurajn pitoreskajn kortojn kaj stratetojn, kiujn multaj certe ne konis.

La 31an leksikona vespero, ĉeestata de sveda familio kaj la 7an de aŭgusto, reaŭdigo de radiofona teatraĵo, en ĉeesto de malnova antverpena samideanino S-ino G. Chomette-Van der Veken, el Los Angeles.

La 21an de aŭgusto, S-ro Maur. Jaumotte raportis pri la oficiala evoluo de la 44a U.K. en Varsovio, kiu estis grandega sukceso, kaj S-ro R. Van Eynde anekdote rakontis la vojaĝon kiun li faris kun F-ino R. Huysmans en la aŭtomobilo de G-roj De Marré, parte ankaŭ sekvantare kune kun G-roj Jaumotte kaj la familio de D-ro Denoël, el Liego. S-ino L. Bernaerts fine ankoraŭ aldonis belajn bildojn pri la Kongreso, tiel ke la ĉeestantoj havis jam plenan ideon pri la okazintaĵoj en Varsovio.

La 28an, japana samideano, S-ro Eizo Ito, vizitis la grupon kaj faris paroladon kun lumbildoj pri sia lando, dum li ankaŭ poste respondis multajn demandojn faritajn de la ĉeestantoj. Estis bonega vespero pro kiu S-ro Jaumotte varme dankis la agrablan paroladiston.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20,30a h. (1a etaĝo)

SEPTEMBRO : la 4an: Parolado kun lumbildoj de S-ro Maur. Jaumotte pri « Mi vizitis tri ĉefurbojn » ; la 11an: Libertempaj raportoj; Lundon, la 14an: komenciĝo de ELEMENTA KURSO en Belgiëlei, 99 je la 20a h.; la 18an: Provprezentado de Esperante parolataj filmoj por la U.K. en Bruselo; la 25an: Teatra Vespero.

OKTOBRO: la 2an: Enkonduka parolado kaj prezentado de du kolorfilmoj de D-ro P. Denoël el Liego; la 9an: Raportado kun diapozitivoj de S-ro Fr. Schellekens pri « Sicilio »; la 16an: EKI-vespero: prezentado de dokumentfilmoj de BEFA (Belga Esperantista Fervojista Asocio); la 23an: Mitulvespermanĝo; la 30an: Radiofona Teatraĵo.

NOVEMBRO: la 6an: Kultura distra Vespero gvidota de S-ro Roger Jaumotte; la 13an: Parolata Ĵurnalo organizota de S-ro Fr. Schellekens; la 20an: Provprezentado de Esperante parolataj filmoj por la 45a U.K. en Bruselo; la 27an: Vizito al ĵurnalpresejo.

DECEMBRO: la 4an: Sankta Nikolaa atmosfero; la 11an: EKI-vespero: honore al D-ro ZAMENHOF; la 18an: Teatra Vespero; la 25an: Kristnasko, pro festotago NE KUNVENO; Dimanĉon, la 27an: Kristnaska festeto por infanoj.

**Naskiĝo**

Kun plezuro ĉiuj membroj eksciis pri

la naskiĝo de filineto Lieve, en la familio de Hugo kaj Henny Jacques-De Ketelaere.

Gratulojn kaj bondezirojn !

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

Dum la somera periodo, de la 9a de junio ĝis la 1-a de septembro, la grupa vivo iom malvigliĝis. La someraj vesperoj estis tiel belegaj, ke la kunvenoj estis ĉeestataj de nur malmultaj gemembroj. Tiuj tiam plej ofte pasigis la tempon ludante per la esperantaj ludkartoj Leksikon. La 14an kaj 21an de julio, ne okazis kunveno pro ĝenerala libertempado kaj ankaŭ la 18an de aŭgusto, pro nedisponebleco de la kunvenejo. Ni notu tamen interesajn raportojn faritajn la 23an de junio de F-ino. Yol. Van Parys kaj la 7an de julio de F-ino Yv. Poupeye, pri iliaj vojaĝoj al Majorko.

Ankaŭ la 24an de junio, en la kadro de la parolata gazeto, S-ro. Ch. Poupeye, prezidanto prelegis pri « La cent jaroj de la Ruĝa Kruco. La batalo de Solferino: 24-6-1859, kaj S-ro. Marcel Poupeye pri « Naciaj Devizoj ». Dum la sama kunveno okazis la transdono de la liga arĝenta medalo kun veterana « V » al F-ino. Alice Boereboom, vicprezidantino de la grupo, kiu aniĝis al ĝi kaj al la Ligo ek de 1919.

**Programo por la venontaj kunsidoj**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la NOVA KUNVENEJO : STRIJDERSHUIS, Hallestraat, 14, Tel. 347.98 :

SEPTEMBRO: la 22an: Enkonduko al la nova elementa kurso. S-ro L. De Bruyne, sekretario de BEFA (Belga Esperantista Fervojista Asocio) prezentos kaj komentarios filmojn pri Esp.-kongresoj. Enskribo de novaj gelernantoj. Poste interkonatiĝo. Ĉiu membro konsideru kiel devon varbi kaj alkonduki al tiu kunveno almenaŭ unu novan lernanton; la 29an: Unua leciono de la elementa kurso. Poste portretludado. La sekvantaj lecionoj estos donataj ĉiumarde, de la 20a ĝis la 21a horo kaj poste okazos la grupa kunveno laŭ jena programa :

OKTOBRO: la 6an: Legado de B.E.; la 15an: Disdonado de la kartoj por la balo; la 20an: Parolata gazeto; la 27an: Kanta vespero.

NOVEMBRO: la 3an: Lastaj aranĝoj por la balo; la 7-an (sabaton) je la 9a vespere: unua granda balo de la nuna sezono, en salonego « Concordia » Orkestro: Eddy Burssens; la 10an: Raportado pri la balo; la 17an: Parolata gazeto; la 24an: Parolado de S-ro R. Behaeghel pri la Csch-metodo.

**Gratuloj**

Al S-ro Robert LAGAST, helpa sekretario de BGE, nacia delegito por la Tutmonda Esperantista Junularo (TEJO), kaj al F-ino Huguette VERRIEST, membrino de BGE, kiuj formis novan esperantistan geedzan paron (4-8-59).

• • •

Al S-ro Ernest Vandewinckele, membro de BGE, ĝis nun unuaklasa impoŝtricevisto en Bruĝo, kiu laŭ Reĝa Dekreto de la 27-7-59, estis promociata kiel ĉefricevisto en Mehleno.

**Nekrologo**

La 27an de aŭgusto mortis en Bruĝo S-ino Marguerite ALGRAIN-COUCKE, honora vicprezidantino de BGE. Membrino de antaŭ proksimume 35 jaroj, ŝi baldaŭ fariĝis vicprezidantino de la grupo kaj meritplene agis, precipe kiel organizantino de la festa kaj teatra sekcio de la grupo. Per siaj multaj rilatoj, ŝi ankaŭ sukcesis varbi multajn valorajn elementojn por la grupo. Iom antaŭ la dua mondmilito, ŝi devis rezigni sian aktivan kunlaboradon. La komitato tiam nomis ŝin honora vicprezidantino kaj ŝi fidele kaj kompetente, ĝis siaj lastaj tagoj, defendis kaj propagandis sian esperantistan idealon. La 12an de aprilo lastan, la grupo gratulis ŝin pro ŝia 81-jara naskiĝodato. La malnovaj gegrupanoj, kiuj bone konis ŝin, konservos pri ŝi memoron de altvalora kaj inteligenta samideanino. Al ŝia filino, F-ino. Andrée Algrain, de multaj jaroj fidela membrino de la grupo, ni prezentas plej korajn kondolencojn.





BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 6an de julio okazis parolata jurnalo, kies gajninto estis S-ro van der Stempel, dum ankaŭ citinda estis F-ineto Jacobs, la plej juna membrino, kiu legis tekston « Anekdoto ».

La 13an sekvis komuna legado de parto de la origino de Esperanto en la Krestomatio. Poste la ĉeestantoj ludis diversajn ludojn.

La 27an, dum plua parto de konkurso « BAS »: « Kiel mi fariĝis Esperantisto », s-inoj J. Plyson, E. Ernst kaj M. Kestens kaj S-roj P. Piron kaj Schodduyn rakontis pri sia ekesperantistiĝo. S-ino Ernst estis la laŭreato de la vespero.

La 3an de aŭgusto, S-ino Staes gajnis la premion de la parolata jurnalo kun « Rakonto pri S-ro Hamilton » kaj F-ino Eiselein kun « Ĉinio en spegulo ».

La 10an, okazis komuna legado kaj la 17an, S-ro P. Piron, helpata de F-ino R. Huysmans, rakontis pri sia vojaĝo al Varsovio kaj pri la 44a U.K.

La 22an, estis la antaŭlasta serio de la Konkurso « BAS », en kiu partoprenis S-ino Doolaeghe kaj S-roj Oleffe kaj Wuyts. Laŭreato estis S-ro Oleffe.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

Ĉiulunde, je la 20a h. en la 1-a etaĝo de hotelo « MONICO NORD », 2, Brabantstrato (Placo Rogier). Tel. 15.26.01.

SEPTEMBRO: la 14an: Parolado de F-ino Isaacson: « Origino de la sukero »; la 21an: Perfektiga kurso (S-ro van der Stempel); la 28an: Konkurso « BAS »: « Kiamaniere mi esperantiĝis » (lasta serio).

OKTOBRO: la 5an: Parolata jurnalo; la 12an: Parolado de S-ino Lecat (unua parto): « Doktoro Albert Schweitzer »; la 19an: Perfektiga kurso: (S-ro van der Stempel); la 26an: Dua parto de la supreciitita parolado de S-ino Lecat.

NOVEMBRO: la 1-an: UNESKO DATREVENO: Disdono de la premio de la parolata jurnalo; la 9an: EKI-BEFA-vespero: S-ro De Bruyne prezentos du filmojn: « IIa IFEF-Kongreso » kaj « Fervojoj kaj Ekspo »; la 15an: dimanĉo: Jara Festero; la 16an: Perfektiga kurso (S-ro van der Stempel); la 23an: Amuza vespero (gvidota de S-ro Baudour); Dimanĉon, la 29-an: Memorigo pri « UNIVERSALA DEKLARACIO »; la 30an: Debatvespero.

Ĉar ni eniras la laborperiodon por la Universala Kongreso 1960, ni rezervas al ni la rajton ŝanĝi kiam ajn kaj laŭbezone la programon.

**Kursoj**: la elementa kurso okazas ĉiumarde, je la 19a, en la Ateneo Robert Catteau kaj la duagrada, ĉiulunde, je la 19a h., en la sidejo. Diskonigu tion kaj varbu lernantojn !

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉeknumero: 67.32.84)

La 6an de marto, S-roj de Cuyper kaj Bray vizitis la direktoron de « La Nouvelle Gazette », S-ron Marcel Evrard, al kiu ili donacis libron kiel danko pro la aperigo en lia gazeto de dusemajna rubriko pri Esperanto. Ili petis lin ke tiuj artikoloj povu esti presataj sub grasa titolo, kies kliŝon ili prezentis.

La 11an kaj la 18an, okazis ekzamenoj por naŭ novaj gelernantoj kaj la 23an kaj 6an de aprilo, nia prezidanto vizitis la kernon de Ransart, kie li helpis la lernantojn en la lernado de nova kanto: « Ĉu ni disiru sen esper' ? »

La 9an nia sekretario reprezentis la grupon ĉe la paca prelego de Prof. Tucker, fervora angla esperantisto kaj la 16an okazis, en la kursejo « La Digue », projektado de japana esperantoparolata filmo pri Hiroshima, kiun multaj gemembroj ĉeestis.

La 10an de majo, okazis vizito al la lernejo de Ransart, okaze de la festo de la patrinoj kaj la 11an, F-ino Orsolini kiu, okaze de vojaĝo, vizitis la esperantan grupon de Oviedo, en Hispanujo kaj S-ron de Moura, en Lisboa, alportis la salutojn de tiu ĉi lasta al la anoj de la grupoj de Antverpeno, Bruselo kaj Bruĝo.

La 16an, 17an kaj 18an. nia prezidanto reprezentis la grupon en la Beneluksa Kongreso en Haarlem.

La 2an de junio, la urbestraro de Charleroi disponigis al la grupo ĉambron por ĝiaj semajnaj kunvenoj en la Urbdomo salono n° 4.

La 7an, naŭ el niaj gemembroj renkontis en Huy dekkvinon de Lieĝaj bita ekzameno por ok novaj gelernansamideanoj kaj la 10an okazis la skritoj de la kurso en «La Digue». Kvar inter ili sukcesis, kiuj faris parolan ekzamenon la 17an kaj ricevis sian diplomon la 24an.

La 21an kaj la 5an de julio okazis promenadoj tra la valona Brabanto kaj al Beez, kie la prezidanto promenigis la grupanojn en sia boato.

La 7an de julio, la direktoro de la « Palais des Expositions » de Charleroi konsentis pri senpaga disponigo de loko por esperantista ekspozicio dum la venonta « Salon des Arts Ménagers », kiu okazos de la 31a de oktobro ĝis la 15a de novembro.

**Venontaj kunsidoj**

Ekde la 8a de septembro la kunsidoj okazas ĉiun mardon vespere en la salono N° 4 de la Urbdomo de Charleroi.

Nova kurso komenciĝis la 16an de sepembro en la lernejo de « La Digue » en Charleroi.

LIEĜO

**Lieĝa Grupo Esperantista**

Lundon la 13-an de aprilo okazis en Lieĝo interesa kunveno. Krom siaj membroj la Lieĝa Grupo invitis la anojn de la aliaj urbaj organizaĵoj (SAT-Amikaro kaj Sendependa Klubo Esperantista) por aŭskulti paroladon de angla samideano, s-ro Alfred Tucker. 35 Personoj respondis la alvokon.

S-ro Tucker dediĉis sian vivon al tri celoj : kvakerismo, esperantismo kaj pacifismo kaj li senĉese vojaĝas por diskonigi siajn ideojn. De pluraj jaroj li prezidas en la U.K. de UEA la fakajn kunsidojn de la pacifismaj esperantistoj.

Lia parolado titoliĝis « Tra la Mondo per Esperanto »; en ĝi li rakontis diversajn faktojn okazintajn precipe en Japanujo, dum lia partopreno en kongreso organizita de Azianoj. Post la parolado, s-ro Tucker bonvoleme respondis al multaj demandoj adresitaj al li de la ĉeestantaro, kiu montris per siaj varmaj aplaŭdoj la grandan plezuron, kiun ĝi sentis.

**Korespondadadresoj :**

ĉiuj el Germanujo :

instruisto Rüdeger Blobel — kun gekolegoj — Block Heimbach — Kreis Neuwied

lernantinoj : Gerlinde Engel — Neuwied, Werk Remy (14 j.)

Roswitha Janetzky, Block Heimbach — tra Neuwied — Siedlung 36 (13 j.)

Christjanna Stelter — Block Heimbach — tra Neuwied Siedlung 2 (13 j.)

Deziras korespondi, esperante, angle, ruse au germane, kun la celo de pliposta edziĝo kaj renkontiĝo dum la 45a U.K.: 46 jara fraŭlo :
VANDLIĈEK, Kaŝjakova 297 RAJEC / RAJC Cehoslovakujo.

Deziras korespondi pri diversaj temoj kaj interŝanĝi ilustr. p.k.:
lernantino, Stoianka Dimitrova - str. Kotev 104 - Sofia - Bulgario.

Aliflanke deziras korespondi franclingve kun 14jara belga knabino :
Antje Blobel, Block-Heimbach tra Neuwied, Schule (Germanujo).



# RECENZOJ

Dr. K. KALOCSAY kaj Dr. G. WARINGHIEN "**Plena Gramatiko de Esperanto**". Tria kompletigita eldono : unua kajero 181 paĝoj. Prezo : It. L. 1.400 kaj Us. Dol. 2.25.

La du antaŭaj eldonoj de tiu-ĉi majstroverko ne plu estas haveblaj. Tamen urĝe bezonata estas tia kompleta gramatiko. Ĉiu kiu volas koni ĝisfunde esperanton, kaj ĉiu kiu estas aŭ estos ŝarĝita per perfektiga kurso aŭ kiu volas la esperanto-grupojn enprofundigi en nia lingvo, devas pristudi ĝin en tiu libro. Per ĝi oni ekkonos ĉiujn detalojn de la lingvo, ĉiujn nuancoj ĉiujn eblojn, ĉiujn faktajn uzojn de ĝi tra la tuta mondo, nun kaj en la pionira periodo ; ekkonos ankaŭ la Zamenhofan uzmanieron. Tiu libro pensigas. Ĝi pliigas en ni la lingvan senton. Ĝi ofte teoriumas. Kaj sur tiuj lokoj estas komprenebIe okazo por interŝanĝo de diversaj opinioj. Tute detale estas pritraktataj ekz. la elparolado de vokaloj kaj konsonantoj. (Precipe tion la Nord- kaj Sud-Nederlandanoj foje atente tralegu, sur paĝoj 42-47). La vortfarado, tiel interesega fenomeno en nia lingvo, kiu estis la dua ĉapitro en la dua eldono, ne ankoraŭ troviĝas tie-ĉi. Ni trovas tie-ĉi ortografion, fonetikon kaj la vortospecojn kaj -funkciojn.

Kiu nun enskribas sin por la tri kajeroj profitos unu Us. Dol. Tute evidente ke ni tre varme rekomendas !

F. R.

SANDOR SZATHMARI "**Vojaĝo al Kazohinio**" Eldonis en 1958 S.A.T. Avenuo Gambetta 67 Parizo (XX) ; 318 paĝoj ; prezo : 2,40 Us.Dol.

Ni kredas ke Francujo havas samtempe kaj la plej belajn kaj la plej malbelajn libro-eldonojn. La eldonoj por bibliofiloj estas famaj. Sed estas ankaŭ vere ke la ordinaraj libroj estas ĝenerale ne belaj kaj ne prizorgitaj, rilate la eksteran aspekton. Tamen ili estas multekostaj. La sama kun tiu-ĉi broŝurita eldono. La titolpaĝo-malbela papero-estas plej ordinara : simpla kadro kun nomo de aŭtoro kaj titolo de verko. Ordinaraj sed bone legeblaj literoj sur plenaj paĝoj. Prezo (multe) tro alta. Sed la enhavo estas rimarkinda ! Unue la verko mem havas sian draman historion kiun oni povas legi en la "prezento" sur paĝoj 3 kaj 4. Jam dekomence ĉe la legado oni pensas pri la "Vojaĝoj de Guliver" de Jonathan Swift, ne nur ĉar la titolo de la parto mencias lian nomon sed ankaŭ pro la formo de la verko : ĉe la kapo de la ĉapitroj troviĝas la resumo de tio kion oni legos en ĝi ; kaj la stilo estas arkaisma. Kun transmeto de la situacioj en la hodiaŭo, la verko estas satiro pri la du ekstremoj en kiuj povas fali la homaro. La aŭtoro komencas per ridindigo de la Angla kolonia politiko. Post saviĝo el ŝipdrono, li konvene senkonsciiĝas por poste vekiĝi meze de tute fremda, nekonata popolo. En la priskribo de la moroj de tiu popolo la verkisto atestas pri eksterordinara imagpovo. Li intertempe ankaŭ diskonatigas ekonomiajn kaj aliajn teoriojn sub la masko de situacioj kaj konceptoj de

tiuj strangaj tipoj. Se la vivo ĉe la Ĥinoj estas nur konstanta miro la dua parto kiu pritraktas lian vivon ĉe la Behinoj konsistas el multaj teruraj momentoj. Laŭ mia tute persona gusto tamen, la aŭtoro de tempo al tempo tro per paroloj klarigas kaj ne sufiĉe montras. La tuto estas vere dua " Vojaĝoj de Gulivero ". Sed ĉu pro tio la verko egale famiĝos ? Tion oni ne povas antaŭdiri. Tio ofte dependas de aro da ne-antaŭvideblaj cirkonstancoj. Mi nur diras al tiuj kiuj volas agrable kaj utile pasigi liberajn momentojn : vi devas absolute legi tiun libron.

M. M.

VERNA HILLS " **Alko kaj Suna en siaj du Dometoj** ". Eldonita en 1958 de Esperanto-press Oakville Ontario Kanado. El la Angla tradukis Rüdiger Eichholz. 78 paĝoj. Prezo : 0,95 $.

Komenciĝas flori la Esperanto-literaturo por infanoj. Jen tre ĝojiga fenomeno. Ankaŭ sur tiu tereno necesas kelkaj kuraĝaj, entreprenemaj, praktikaj kaj klarvidaj pioniroj. Verŝajne la plej elstara inter ili estas Rüdiger Eichholz kiu jam eldonis diversajn tiajn " orajn libretojn " sed de kiuj ni ricevis ĝis nun nur la supre nomitan. Li estas ankaŭ eldonato kaj redaktoro de " Gepatra Bulteno " kiun ni forte rekomendas al ĉiuj gepatroj kaj pedagogoj. Tiu-ĉi verko havas longan ankaŭ eldonanto kaj redaktoro de " Gepatra Bulteno " kiun ni forte antaŭparolon direktitan al gepatroj kaj instruistoj, en kiu estas parolate pri infanaj psiko, imago kaj travivado. Sur tiurilataj spertoj estas bazitaj la 22 rakontoj koncerne la geknabojn Alko kaj Suna. Ni devas akcenti ke la aŭtoroj kontraŭstaras rakontojn kiel ekz. la famegajn de la fratoj Grimm ĉar tiuj montras ne-realan vivon kaj priskribas tro da ruzaĵoj kaj kruelaĵoj. R.E. pravas ke tre multaj de tiuj ne taŭgas por infanoj. Sed ĉu li scias ke Grimm ne imagis ilin, nur rerakontis popolajn rakontojn ? Ja, Anderson imagis kaj skribis por infanoj. La aŭtoroj tie-ĉi, kontraŭe, volas eduki en la ekkono de la ĉiutagaj mirakloj de la reala ĉirkaŭanta mondo. Ni aldonu ke estas tre multaj, rave belaj desegnaĵoj.

S-ano Rüdiger Eichholz presigis ankaŭ ĉiujaran murkalendaron kun bildo de Zamenhof kaj la nomoj de monatoj kaj tagoj en Esperanto. Prezo : 0,60 $.

F. R.

GAŬ-TU-DAŬ " **Mi volis viziti lernejon** ". El la Ĉina tradukis Liŭ Hung-kang. Eldonis Ĉina Esperanto Ligo P.O. Kesto 77 Peking Ĉinujo. Prezo : 1 Ŝil.

76 desegnitaj bildoj kun mallonga subteksto. Verŝajne destinita al infanoj por malamigi ilin la riĉulojn. Estas por ni Okcidentanoj ĉiam tre malfacile por juĝi orientan arton. Ĝi estas tre simpla rakonto pri infano, kiu volas iri al la lernejo, estas tie fitraktata de riĉula knabo kaj kiu fine devas ĉesi studojn kaj servuti. Li tamen kunprenas librojn. Tre verŝajne similaj aferoj okazis tre ofte. La rakonto estas en si mem korprema, sed mi ne trovis en ĝi ian artan literaturaĵon.

M. M.



## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo"
Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

---

### LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

**Antverpeno**

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6, Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44. Anoncoj en taĝĵurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68, Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60: Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

**Bruĝo**

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

**Bruselo**

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

DRUKK. H. DE BAENE-SERCU, DELAPLACESTRAAT, 3, SINT-KRUIS — TEL. 346.36